XXXIII-a Jaro — N-ro 443 — 10 Junio 1937

# ESPERANTO

Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto - Asocio

# La Jubilea Kongreso kaj la nuna stato interorganiza

## Nuna stato - Plendoj - Timoj - Situacio - Solvo - Necesaj premisoj - Paco dum kongreso

*Nuna stato*

Kiam ni skribas ĉi-tiujn liniojn, la Loka Kongresa Komitato jam notis la kvincentan aliĝon al la « Jubilea ». Ĉi-tiu nombro, estas normala kaj laŭ la sama proporcio kiel en pasinto, ni rajtas konkludi, ke partoprenos la kongreson pli ol mil personoj.

*Tre malmulte* ..... diras iuj, serĉante eblecon de kritiko. Efektive ...... la nombro estas malalta por kongreso Jubilea. Sed la kaŭzoj estas konataj al vi ĉiuj. Se estus nur unu kaŭzo, nu tiam oni povus trovi rimedon por forigi ĝin, aŭ mildigi la konsekvencon. Sed estas multaj kaŭzoj, kiuj influas la partoprenon.

La laboro en Varsovio sekvas regule sian vojon. Pri ĝi informas la kongresa periodaĵo kiun ricevas ĉiu kongresano.

*Plendoj*

Aŭdiĝas plendoj pri la alteco de la kongreskotizo. Utilas atentigi la samideanojn pri kelkaj faktoj, kutime forgesataj dum kritiko. La kongreskotizo estas — 25 fr. oraj — kio korespondas pli malpli al la 35 ŝilingoj anglaj, laŭ kiu la Kongreso kalkulas internacie.

Sed dependas de la samideanoj mem, pagi malpli multe. Rabato de 30, de 20 kaj de 10 %, laŭ la rapideco de l'aliĝo, grave reduktas la bazan kotizon. Kiu iom konas la zorgojn de Loka Kongresa Komitato pri la partopreno, aprobas la sistemon de rabato por pli frua aliĝo.

Restas alia detalo. Estas la demando ĉu la alteco de la kongreskotizo estas pravigebla ankoraŭ en nuna tempo. Ekzistas du formoj de imposto : La rekta kaj la nerekta. La unua estas klara kaj ĉiu scias kiom li devos pagi. La dua respondas al la homa psiko : Multaj eroj je malsama epoko kaj tempo, aŭ guto post guto, tio-ĉi ne tiom doloriĝas la plej senteman organon de l'homo, la monujon. Kaj tute same estas pri la kongreskotizo. Aŭ pagi tutan aron da aranĝoj aparte kaj kun ioma pli-altigo, aŭ pagi kotizon kiu kvazaŭ entenas la fundamentajn kostojn de organizo.

Kongreso estas deficita negoco. Sen subteno registara, sen notindaj donacoj de bonvolaj samideanoj, la organizo de kongreso, malgraŭ la ormona kotizo estas kaj restas grava risko. Tion oni povas pruvi per la kalkuloj de la plimultaj kongresoj. Estas esceptoj. Kaj ili estas dankataj nur al tute specialaj kondiĉoj, kiujn ni ne tuŝas ti-ĉi kaj kiuj ne ripetiĝos en Varsovio.

Sciante, ke ĝenerale post la kongreso, la organizintoj estas mortlacaj, ofte ĉagrenitaj pro okazaj fuŝetoj kaj rezultiĝantaj kritikoj, ni pensu je la multaj agrablaj horoj dum nia jara manifestacio. Ne estus inde, ke kreinte agrablajn horojn, la kreintoj poste almozpetu por likvidi deficiton.

*Timoj*

El aro da korespondajoj ricevitaj ĉe la C. O. de UEA, estas videbla, ja antaŭtimo pro ebla « skandalo » kiel sekvo al la okazintaĵoj en la internacia organizo esperantista.

Tiu ĉi timo pri io kio estas kontraŭa al la spirito de jubilea kongreso estas komprenebla. Tial necesas, ke ni libere parolu tie ĉi kaj ke ni certigu ĉiujn, ke la danĝero de skandalo dum la 29-a ne ekzistas !

Diversloke oni atentigis kaj eĉ plendis, ke la kongreso de la neŭtrala Esperanto-movado okazis en diktaturaj landoj. Kolonjo, Romo kaj Vieno, interrompita nur per Stokholmo estas pruvo pri tiu ĉi plendo. Nu, ne estas nia tasko, tie ĉi diskuti la demandon, ĉu ni iru en tiu aŭ alia lando. La okazigo de kongreso dependas de kondiĉoj fiksitaj en statuto. Kaj se tiuj kondiĉoj estas plenumataj, ne devus ekzisti kontraŭstaro. Ni ne forgesu, ke ekzemple la itala kaj la aŭstria registaro apogas nian movadon diversmaniere, eĉ ni aldonu pli videble ol registaroj de alireĝimaj landoj. Kio rilatas Polujon ni atentigu, ke ĝi estas la lulilo de Esperanto kaj ke nia lingvo neniel renkontas malamikan sintenon ĉe la registaro, tute kontraŭe.

Alia timo regas pri lokaj stratkvereloj. Nu, ankaŭ tio estas senfunda. Se oni legas gazetinformojn pri tiaj kvereloj, tiam ni ja ne rigardu de supre, kvazaŭ tio ne okazus en niaj okcidentaj landoj kaj nur al « *tie en fora oriento kie lupo kaj vulpo renkontiĝas* ». Karakteriza trajto pola estas ĝentileco (en tio polo similas al franco) kaj estus konsiderata kiel honto eĉ por plej ekstremnaciulo, se oni malafable rilatus al gasto el fremdlando. La internaj malpacoj en kongreslando, tiom bedaŭrindaj ili ja estas, ne koncernas nin. Ni havu fidon.

*Situacio*

Utilas ankaŭ klarigi iom la situacion nunan en nia tendaro. El la « blua » numero de ESPERANTO la legantoj ekscios pri diversaj faktoj, ĝis nun nekonitaj. Interalie ni ankaŭ informis pri diskutoj de la du internaciaj organizaĵoj, sub la bonvola perado de Samideano Isbrücker en Hago. Estas ne verŝajne ke la diversaj vidpunktoj en la konflikto nuna, trovu solvon antaŭ la kongreso. La nunaj diskutoj celas trovi bazon de posta interkonsento (ne laŭ recepto kolonja !) pri simpla aranĝo inter la du organizaj formaĵoj.

*Solvo*

Diversaj proponoj venis al ni pri solvo de la nuna konflikto. La Provizora Komitato de UEA, konscia pri la graveco de la horo, funde ekzamenas ĉion, sed por tio bezonas tempon. Ni ne kutimas je tiu ĉi « fulmosimila » rapideco, tiom konata ĉe iuj. Sed ni estas konvinkitaj, ke solvo estas trovota, solvo kiu respektas tradicion kaj neceson. Estas la tasko de la nuna komitato de UEA, ebenigi la vojon al tiu ĉi solvo, tiel ke la elektota komitato povu decidi. Ion plian la nuna komitato ne faros.

*Necesaj premisoj*

En la korespondaĵoj ricevitaj troviĝas plurfoje la demando pri la *kondiĉoj*, laŭ kiu UEA estas preta je interkonsento. Valoras forigi malĝustan komprenon pri la senco de l'afero.

Kiel ni jam klarigis en la « blua » numero de ESPERANTO, UEA ne antaŭmetas *kondiĉojn*. Ĝi postulas nur sian rajton kaj tio kio apartenas al ĝi. Nenio alia. La cetero, oni jam interkonsentos. Konkrete esprimita tio volas diri, ke UEA ne estu bojkotata de iuj Landaj Asocioj, ke oni forlasu la uzon de ĝia statuto, ke oni forlasu la imiton de UEA ekzemple per la kreo de Delegitoj. *Nur tiam*, la reprezentantoj de UEA estas pretaj diskuti pri la bazo de kunlaboro.

## Antaŭ la Jubilea

Varsovio vokas ! La Medino de la esperanta movado preparas sin por akcepti la disĉiplojn de la granda homo, kiu vivis kaj mortis inter ĝiaj muroj. La varsoviaj samideanoj laboras, por ke la tagoj de la Jubilea gravuriĝu neforgeseble en la koro kaj memoro de la esperantistoj, por ke la Jubilea Kongreso estu Triumfa Kongreso.

Multaj revas pri la momento, kiam estos al ili lasite klini la kapon antaŭ la sarkofago el griza granito, kiu kovras la tombon de la Majstro. Kaj eĉ je la nura ekpenso pri tiu solena, tiel arde atendata momento, ekbatas pli rapide multaj koroj kaj ia kortuŝo ekpremas la gorĝojn.

Sed kiam la momento venos, kiam glorparoladoj sonos super la tombo de Zamenhof, ĉu tiuj laŭdaj paroloj ne estos nur vanaj sonoj, se ne ĉiuj kune, ne ĉiuj unuanime kaj unukonsente, ne ĉiuj samideane en niaj koroj ni ĵuros

> Malamon, malpacon el koro forigi,
> En unu kuniĝi grandrondo,
> Sankfajron de l' amo, konkord' ekflamigi
> Laŭ tempo praava, pramondo... [1]

La jubilean dekan Kongreson rompis la milito. Ĉu la 50jaran jubileon de Esperanto ni eniras sub la signo de paco ? La horizonto estas malluma, minaca. Vento de konfliktoj, malpacoj iras tra la tuta mondo, kaj tiu vento ne ŝparis eĉ... la esperantan movadon !

Ni devas superi kaj sufoki tiujn nigrajn blovojn. Super ĉio, kio nin dividas, super la malgrandaj interesoj kaj ambicioj, kiuj ofte postkulise boras sian vojon, ni devas interpremi la manojn.

En la Oriento ekzistas kutimo, ke antaŭ ol eniri sanktan lokon, oni lavas for la polvon de la piedoj. Kaj ni, antaŭ ol ekstari antaŭ la tombo de Zamenhof, tiu loko sankta por multaj, lavu for el niaj koroj la polvojn de malpaco. Leviĝu la Jubilea super la ambicioj kaj partioj. Ĝi malfermu larĝe la pordojn de la Kongresejo al ĉiu esperantisto, al kiu ajn tendaro li apartenas. Ĝi ne estu malvasta kongreso de tiu aŭ alia anaro. Ĝi estu kongreso de la tuta esperantistaro, unuigita kaj pacigita sub la verda Standardo !

*Lidia Zamenhof.*

[1] El « Verkoj de Fez » (Felikso Zamenhof).

*Paco dum kongreso*

La Kongreso en Varsovio estu jubilea. Ne nur kiel datreveno sed kiel esprimo de kora ligiteco al la kreinto de la lingvo, kiel esprimo de danko al la pioniroj mortintaj kaj vivantaj kiel esprimo de nia konvinko pri la boneco de nia penado. Super ĉiuj tagaj kvereloj kaj ĉikanoj ligas nin la komuna idealo : Labori por alproksimigo de la homoj kaj por ebenigi la vojon al pli profunda kono de l'aliulo. Por ke realiĝu tia « dia paco » dum la jubilea kongreso necesas, ke dum kunvenoj oni ne diskutu pri « organiza demando » terurinfano de niaj kongresoj. Do : Venu vidi Varsovion, Varsovio vokas vin.

Renaud Richez.

## Universala Esperanto - Asocio

Centra Oficejo : I, Tour de l'Ile, Genève, Svislando

# LINGVO KAJ VIVO

## Evoluo de Esperanto

**Kritik-historia skizo de Petro Stojan**

IX.
*(sekvo)*

Fine. ni trovas la finajon *-o*, kiu signifas nur la rolon de la vorto en la frazo, la rolo « substantiva ». Kaj subite, ni miregas ke la kunmetaĵoj : *lernanto, verkinto, heredonto*, signifas virseksajn homojn, virpersonoj. Tiu surdonita nuanco ne povis veni el la fundo de nia lingvo, kiu tre klare kunmetas tiujn tri senseksajn kaj neŭtrajn participojn. Do, la nuanco venis el la naciaj influoj, ofte nekonsciaj, nerezisteblaj. La franca substantivo « *amant* » (amatulo, amindumulo) originas el la latina participo (amanta), kaj aspektas precize kiel la nia apostrofita *amant*. Granda amaso da tiaj similaĵoj aperis en Esperanto kun malprava senco. fremda por nia principa lingvo : *protestanto, delegito, prezidanto, advokato, delegato, licenciato, licencito, diplomito, savonto, zorganto*. La nacia influo de tiaj formoj tiom enradikiĝis, ke la « klasika » Esperanto adoptis ĝin ŝajne definitive, kaj Zamenhof mem ne konsilas uzi la vorton « *estonto* » por diri « os-tempo », ĉar la vorto « estonto » ŝajnas signifi « os-persono », kaj li proponas uzi por la tempo la vorton « estonteco », (kvankam ni rimarku — la sufikso — ec ĉi tie ne taŭgas, ĉar ne temas pri la osa eco, sed pri la osa tempo).

Alia malfacilaĵo estas en la fundaj besto-nomoj, kiuj jen signifas virojn (kok, kapr), jen neŭtrulon (pork, hund, ĉeval), jen hezitas en la kvin naciaj tradukoj inter vira kaj neŭtra sekso (bov, kat, ŝaf). La Plena Vortaro (1930) tranĉis tiun « Gordian Nodon » enkondukante la unuforman sistemon de neŭtraj bestonomaj (kaj sekve, la vortaro mencias « familion da kokoj » t. e. galinacoj). Sed, tiu decido ne estis aprobita de la Akademio, nek de la Lingva Komitato, kaj tamen ĝi estas grava reformo de la Fundamento. En nuna stato de la lingvo oni neniam estas certa laŭ kiu senco uzis tiu aŭ alia aŭtoro la vortojn : bovo, koko, kato, kapro ktp. — ĉu virsekse aŭ neŭtre Kaj pro tiu necerteco la naciaj Esperanto-vortaroj varias, nomante la saman ulon diversmaniere : kato, virkato, katoviro... ŝafo, ŝafoviro, virŝafo...

La finaĵo -o per la sama subkonscia influo komencas iomete nuanci kiel virseksa. Unue, en la participoj : lernanto, prezidanto, savonto, delegito, poste en la baptonomoj : Julio, Mario, Aŭgusto, Felikso, Aleksandro, depost la apero de la paralelaj virinnomoj, Julia, Maria, Aŭgusta, Feliksa, Aleksandra.

Se iu lingva aŭtoritato ne reguligos la tutan problemon pri la seksoj, nia lingvo kaosiĝos sub la naciaj influoj, kiel neprizorgata ĝardeno, superplena je fiherboj kaj sovaĝaj arbustoj.

### Logikeco

Logika lingvo, logika vortfarado, tiaj esprimoj svarmas ĉe ĉiuj mondlingvistoj, ili trumpetas en propagandiloj, kaj ŝajne triumfas kontraŭ mallogikaj naciaĵoj. Tamen venas momento forigi tiun romantikan ornamon, konstati unufoje por ĉiam ke neniu lingvo povas esti logika, ke nia lingvo ne estas pli logika ol iu ajn nacia, ke la vorto mem devas esti anstataŭita per la vorto « regula ». Pure logika fako estas matematiko. Nu, la unuaj artefaritaj lingvoj imitis aritmetikon, por atingi la « logikecon ». « Pasigrafioj » uzis ciferojn por esprimi ideojn. « Filozofiaj » lingvoj celis perfektan logikecon nomante parencajn ideojn per similaj literoj. Ekzemple *ba* dio, *be* religio, *za* arbo, *ze* floro, *zi* frukto, *zo* legomo... Tia nomado vere logikas, kiel la kemia : karbo, karbono, karbolo, karbonacido, karbonika, karbonato, karbonido ktp. Sed, kie estas la logiko en la serio : fronto, nazo, okulo, orelo, ... fonto, puto, lago, rivero? Aŭ piedo, piedestalo... kaj subite: pedalo, — pordo... kaj portalo, — ie (ialoke), kie kialoke), alie alimaniere) : — al la naciaj : *planète-comète, planeta-kometa...* ni kontraŭmetas nelogikan : planedo-kometo (pro timo antaŭ « eta plano » kaj « komed-io »). Post la serio da oficialuloj : *sekretario, notario...* aperas *komisaro*, ĝuste en la momento kiam ni atendas regulan « komisario ». Estus superflue plimultigi tiajn ekzemplojn. Iu kritikis la vorton « tralerni », proponante « pli logikan » — « finlerni », ĉar temis pri la finfarita ago. Nu, se la unua ne estas « logika », la dua estas nelogika kaj dusenca, ĉar dirante « finlegi » mi rajtas esprimi : legi je la fino, ekz. preni libron, kaj legi el ĝi nur finon, ne atentante pri la komenco.

Trafe rimarkas Bergson — « la ideo estas morto de penso » ; li volis diri ke oni ne kapablas precize esprimi sian penson, ke fiksante ĝin en parolo oni falsas ĝin, prezentante ion senmovan kaj limigitan, dum la vivanta penso estas io kuranta, fluanta, sen klaraj konturoj. Paroli, kaj des pli, skribi — estas erarigi sin kaj aliujn. La lingvo same kripligas la penson, kiun ĝi pretendas esprimi, kiel kripligas la aspekton de nebuleca nubo tiu pentristo, kiu ĝin desegnas per rigidaj geometriaj linioj.

Do, la lingvo povas esti plimalpli regulema, pli malpli bildeca, simetria, simpla, facila, sed neniam « logika ». Ni lasu tiun terminon al beletristoj, kiuj bezonas ornami sian stilon per metaforoj kaj hiperboloj, sed por lingva studo tiu termino ne konvenas.

Sub alia formo reaperas la « logikeco », kiam oni afirmas, ke la Esperanta gramatiko estas sen esceptoj. Tiu afirmo estas prava nur en tiu senco, ke niaj lernolibroj silentas pri la esceptoj, kiuj cetere ne estas tiom oftaj kiel en naciaj lingvoj. Jam la aboco esperanta, per sia regulo : unu litero unu sono, kondukas al esceptoj. Ni ja elparolas : ogdek aŭ oktek, skribante okdek, supteni (subteni), egzemplo (ekzemplo), k. m. a. Sed en la nuna stato de nia lingvo tiuj esceptoj, eĉ multenombraj, ne ĝenas la praktikan uzon, ili glitas nerimarkataj de la plimulto.

Fine, la precizeco de esprimo, kiu iome parencas kun la pretendata « logikeco », estas vana aspiro, precipe se oni serĉas krei precizajn vortojn, portantajn en si mem sian plenan signifon. Reale, la vorto akiras sian kompletan sencon nur en la frazo, nur en difinita medio. La sama vorto « kovrilo » sencas varie en la frazoj : *Forigi kovrilon de la lito. Kovrilo de kaserolo. Broŝuro kun verda kovrilo.* La frazoj estas klaraj. Sed en la vortaro ni ne povas meti pli precizajn formojn: litkovrilo, kaserol-kovrilo, librokovrilo. Se, la vana precizemo de la idista skolo perdis ĉian krediton, tamen ĉiam ekzistas inter ni kelkaj pedantoj, kiuj insistas pri la preciza vortfarado, pri la precizaj vortoj, eĉ en la frazoj tute klaraj. Ordinare, tiuj pedantoj ne influas al la evoluo de Esperanto, ĉar ili ne posedas ĝin komplete, kaj ilia peza stilo avertas legantojn pri la karaktero de la aŭtoroj.

### Lingva Komitato

En 1905, okaze de la Unua kongreso, Zamenhof denove esperis plenumi sian malnovan projekton: transdoni la lingvan fakan laboron al specialistoj, al iu akademio. Laŭ lia persona projekto devus esti fondita « Tutmonda Ligo Esperantista », estrota de la « Centra Komitato », kiu zorgus pri la lingvo, kaj kies decidoj estus sankciataj de la ĉiujara kongreso. Anstataŭ tio estis starigita nur la « Lingva Komitato », kaj al ĝi solene komisias Zamenhof la urĝan taskon kodigi kaj kompletigi la lingvon.

Unua kunsido de la Kongreso (1905) elektis : prezidanto Zamenhof kaj 5 vicprezidantoj Sebert, Pollen, Mybs, Michaux, Boirac. Dua kunsido aŭdis raporton de Kabe pri historio de Esperanto kaj lian proponon fondi internacian lingvan komitaton. Kvara kunsido (9 Aŭgusto 1905), kiu elektis 98 pionirojn kiel membrojn de la nove fondita komitato, estis prezidata de Boirac, kiu — laŭ la persona deziro de Zamenhof — fariĝis efektiva prezidanto de la kongreso.

(Daŭrigo sekvos).

# LITERATURO

## Rakonto de Invalido

**de Mark Twain**

*(Fino)*

Mi ne kapablis plu ion sugestii, ĉar mi estis devigata englutadi dum la tuta tempo, kaj pro tio mi ne kuraĝis paroli. Thomson ekplendis pri la malfeliĉaj spertoj de ĉi tiu nokto. Estis plendo senmetoda, melankolia. Li komencis aludi al mia kompatinda amiko per diversaj titoloj, jen militistaj, jen civilaj. Kaj mi rimarkis ke, laŭ la mezuro, en kiu estis kreskanta la efikeco de mia amiko, Thompson promociadis lin, favorante lin per titolo pli altgrada. Fine li diris :

— Venis al mi nova ideo. Ĉu ni provu forpuŝi la kolonelon pli malproksimen de ni ? Ni diru dek futojn ĉirkaŭe. Ĉu tio ne plimalgrandigos lian influon ?

Mi konsentis. Ni do enspiris sufiĉan kvanton da freŝa aero ĉe la rompita vitro, intencante konservi ĝin, ĝis kiam ni estos plenumintaj la taskon. Tiam ni alproksimiĝis kaj, alkurbiĝinte super la mortodora fromaĝo, ni aplikis la manojn al la kesto. Thompson kapsignis ke li estas preta, kaj ni kune antaŭenpuŝis per tuta nia forto. Sed Thompson glitis kaj falis, la nazo sur la fromaĝon. Tial li elspiris kaj preskaŭ sufokiĝis pro la odoro. Li pene leviĝis kaj ŝancelante ekkuris al la pordo, dirante raŭkvoĉe : « Ne malhelpu ! lasu al mi liberan vojon. Mi estas mortanta ; lasu al mi liberan vojon. » Mi postsekvis lin eksteren, sur la vagonplataĵon, kie mi sidiĝis, subtenante lian kapon. Li revivis post momento. Tiam li diris :

— Ĉu vi supozas, ke ni iom antaŭenigis la generalon ?

— Ne — mi respondis — ni eĉ ne sukcesis ekmovi lin.

— Nu, ni tiam devas rezigni ĉi tiun ideon kaj trovi ion alian. Mi supozas ke la loko plaĉas al li kaj li decide ne intencas esti ĝenata. Estas vetinde, ke li sukcesos en sia intenco. Tial ni prefere lasu lin tie, kie li estas. Li ja tenas ĉiujn atutojn en la ludo. Memkompreneble, tiuj, kiuj persistus kontraŭstarante lian planon, malsukcesus.

Restadi sur la plataĵo, sub la freneza ventego, ni tamen ne povis, ĉar ni estus mort-glaciiĝintaj. Ni do reeniris la vagonon kaj fermis la pordon. Rekomenciĝis nia suferado kaj laŭvica alirado al la rompita vitro. Iom poste, kiam ni estis forlasantaj haltejon, Thompson ensaltetis la vagonon tute gaja kaj ekkriis :

— Nun ekfartos pli bone ! Mi opinias, ke nun ni venkos ŝiparestron nian. Mi ekhavis rimedon kiu, ŝajnas, senpoviĝos lin.

Estis karbol-acido, kiun li alportis en pokalego. Li ĝin disŝprucis ĉien ĉirkaŭe. Oni eĉ povas diri, ke li superverŝegis ĝin sur ĉion : la pafilar-keston, la fromaĝon kaj ceteraĵojn. Ni residiĝis plenaj de nova espero. Sed la bonstato tute ne daŭris. Kompreneble, ambaŭ bonodoroj kunmiksiĝis, kaj tiam... Tre baldaŭ mi rerapidis al la pordo. Ekstere Thompson, sekigante la vizaĝon per sia ruĝa tuko, diris iom malkuraĝigite :

— Tute senutilas. Mi ne kapablas lukti kun li. Kion ajn ni provas por malfortigi lin, li ĝuste profitas ĝin. Li trapenetrigas tion per sia propra aromo kaj regalas nin. Ĉu vi ne rimarkas, kapitano, ke nun estas centoble pli malbone ĉi tie ol kiam li komencis efiki ? Neniam ankoraŭ mi vidis iun el ili sindoni tiel fervore al sia laboro, tiel interesiĝi pri ĝi. Ne, sinjoro, neniam, de kiam mi servadas sur la fervojo. Tamen mi jam transportis nombregon da ili, kiel mi estas ĵus raportinta al vi.

Preskaŭ frost-rigidigitaj, ni reeniris la vagonon. Sed kiel resti tie ? Ni do kvazaŭ valsadis tien kaj tien ĉi, laŭvice glaciiĝante, fandiĝante kaj sufokante. Post ĉirkaŭ unu horo ni haltis ĉe alia stacio. Je la forlaso Thompson eniris portante sakon.

— Vidu, kapitano, li diris, mi faros ankoraŭ unu sperton kun li, unu solan ankoraŭ. Se ni ne sukcesas ĉi tiun fojon, ni simple rezignu la lukton. Jen mia pensmaniero.

Li eltiris el la sako amason da kok-plumoj, sekigitaj pomoj, tabakfolioj, ĉifonoj, eluzitaj ŝuoj, sulfuro, asafetido kaj aliaj diversaĵoj. Ĉion tion kunamasiginte sur ferplato, meze de l'planko, li ekbruligis ĝin.

La efiko de l'procedo estis tia, ke mi ne komprenis, kiel eĉ malvivulo povas elteni ĝin. Ĉio antaŭa estis estinta kvazaŭ poezio kompare al la nova odoro. Kaj tamen... la antaŭa odoro elstaris el la nova kunmiksita en sia origina ravigeco. Fakte, la diversaj odoroj aldonitaj, ŝajne, servis kiel bazo pli firma al la malnova. Ho, la riĉega odoro ! Interne de l'vagono mi, nature, ne kapablis tiom pripensi, ĉar mankis la tempo. Sole sur la plataĵo mi sukcesis kolekti miajn pensojn. Thompson volis postsekvi min eksteren, sed li ekfalis sufokiĝante. Kaj, penadante eltreni lin per lia vestkolumo, mi ankaŭ preskaŭ eksvenis... Kiam ni estis iom reviviĝintaj, Thompson diris malkuraĝigite :

— Nu, kapitano, ni estas devigataj resti ekstere. Nepre. Ne ekzistas alia rimedo. La guberniestro deziras vojaĝi sole, kaj li troviĝas en situacio favora por kontraŭstari nin.

Baldaŭ li aldonis :

— Kaj ĉu vi scias, ke ni estas nun venenitaj ? Estas mia lasta vojaĝo, pri tio vi estu certega. Ĉar el ĉi tio rezultos tifo. Mi jam eksentas ĝian alvenon. Jes, sinjoro, ni estas destinitaj. Tio estas same certa, kiel la fakto de nia naskiĝo.

Unu horon poste, ĉe la sekvinta stacio, oni nin deprenis de la vagon-plataĵo sensentaj kaj glaciigitaj. Mi tuj enfalis en akran febron kaj restis senkonscia dum tri semajnoj. Tiam nur mi eksciiĝis ke mi estis pasiginta tiun teruran nokton kun kesto tute nedifektiga — de pafiloj — kaj kvanto da senkulpa fromaĝo. Sed tiu novaĵo estis tro malfrua por savi min. La imago estis tiel efikinta, ke mia sano estis por ĉiam detruita. Nek la klimato de l'insuloj Bermuda nek tiu de iu alia lando iam povos redoni ĝin al mi. Efektive, mi estas je mia lasta vojaĝo. Mi estas reveturanta hejmen por morti.

El la angla : C. Rosen.

# El flaviĝintaj folioj — La vojaĝo en Harz

*La Unua Libro de Esperanto aperis en 1887, ne kiel oni erare kredas, dum Majo-Junio (Cenzura aprobo) sed dum Septembro-Oktobro.*

*Jardekon poste ekzistas jam malgranda biblioteko, ĉefe tradukaĵoj. Kun emocio oni legas hodiaŭ tekstojn el tiu ĉi epoko, ni kiuj hodiaŭ jam tediĝas de tro multe da legaĵoj en Esperanto kaj ofte ne scias kion elekti.*

*Ni represas en sinsekvaj numeroj de ESPERANTO tradukaĵojn el la unua epoko de nia lingvo kaj komencas per fragmento el la libro de Heinrich Heine Reisebilder, La Vojaĝo en Harz, trad. de Gernet k. Kofman (1897).*

(Redakcio).

---

Nigraj frakoj, silkaj ŝtrumpoj
Kaj manumoj, blank-marmoraj,
Dolĉaj vortoj, ha se estus
Se en ili estus koroj !

Koroj homaj en la brusto,
Varma amo en la koro !
Min mortigas viaj kantoj
Pri la falsa amdoloro.

Mi foriros sur la montojn,
Malproksimen de la tero,
Tie spiros mia brusto
La freŝecon de aero.

Mi foriros sur la montojn,
Al pinegoj alt-fieraj,
Kie kantas birdetaro,
Kie bruas ŝaŭm-riveroj.

Glataj viroj kaj virinoj,
Mi de nun vin pli ne vidos !
De l'suprajoj de montegoj
Mi rigardos vin kaj ridos.

La urbo Göttingen, glora per siaj kolbasoj kaj universitato, apartenas al la reĝo de Hannover kaj enhavas 999 kamenojn, diversajn preĝejojn, unu akuŝejon, unu observatorion, unu malliberejon, unu bibliotekon kaj unu magistratan kelon, kie la biero estas tre bona. La preterfluanta rivereto estas nomata « Leine » kaj servas somere por banado ĝia akvo estas tre malvarma kaj en kelkaj lokoj tiel larĝa, ke Lüder efektive devis fari longan antaŭkuron, kiam li saltis trans ĝi. La urbo mem estas bela kaj plaĉas al iu plej multe, kiam oni ĝin rigardas per la dorso. Ĝi ekzistas kredeble jam tre longe, ĉar mi memoras, ke kiam mi estis tie antaŭ kvin jaroj matrikulita kaj baldaŭ post tio eksigita, la urbo jam havis la saman grizan trosaĝan eksterajon kaj estis jam plene provizita per policistoj, pudeloj, disertacioj, dancvesperoj, lavistinoj, per *compendia*, kolomboj rostitaj, gvelfaj ordenoj, kaleŝoj de eminentuloj, pipoj, hofratoj, justicratoj, relegacionsratoj, profaksoj [1] kaj aliaj faksoj [2]. Kelkaj eĉ konfirmas, ke la urbo estis konstruita en la tempo de popolmigrado, ke ĉiu gento germana tie lasis tiam unu nebinditan ekzempleron de siaj membroj, kaj ke el tio devenis ĉiuj vandaloj, frizoj, ŝvaboj, teŭtonoj, saksoj, turingoj k. t. p., kiuj ĝis nun grave vagas en aroj en Göttingen sur Weenderstrato, distingante sin per la koloro de ĉapoj kaj de pippenikoj, eterne batas inter si sur la sangaj batalaj kampoj de Rasenmühle, de Ritschenkrug kaj de Bovden, vivas tamen laŭ la moroj kaj kutimoj de la tempo de l'popolmigrado, kaj estas regataj parte de iliaj *dukoj* [3], nomataj ĉefkokoj parte de ilia antikva leĝolibro, kiu estas nomata *Comment* kaj meritas lokon en *legibus barbarorum*.

Entute la loĝantoj de Göttingen estas dividataj en studentoj, profesoroj, filisteroj kaj brutoj, kaj tiuj ĉi kvar statoj tute ne diviĝas severe inter si. La stato de brutoj estas la plej signifa. Estus tro longe trakalkuli tie ĉi la nomojn de ĉiuj studentoj kaj de ĉiuj ordinaraj kaj eksterordinaraj profesoroj; ankaŭ mi ne memoras en tiu ĉi momento la nomojn de ĉiuj studentoj, kaj inter la profesoroj estas kelkaj, kiuj ankoraŭ tute ne havas nomon. La nombro de l'göttingenaj filisteroj estas ŝajne tre granda, kiel sablo, pli vere, kiel koto ĉe maro; vere, kiam mi vidis ilin matene starigitajn kun iliaj malpuraj vizaĝoj kaj blankaj kalkuloj antaŭ la pordo de l'akademia senato, mi apenaŭ povis kompreni, kiel Dio sciis krei tiom da friponoj.

Pli detale pri la urbo Göttingen oni povas tre oportune legi en ĝia topografio de K. F. H. Marx. Kvankam mi havas la plej sanktajn devojn al la aŭtoro, kiu estis mia kuracisto kaj faris al mi multon da agrablo, mi ne povas tamen senkondiĉe rekomendi lian verkon kaj devas lin mallaŭdi, ĉar li ne kontraŭdiras sufiĉe severe tian falsan opinion, ke la göttingenaninoj havas tro grandajn piedojn. Jes, mi min okupis en daŭro de l'tuta jaro je serioza neigo de tiu ĉi opinio, mi aŭskultis por tio kurson de kompara anatomio, eltiris la plej maloftajn verkojn el la biblioteko, en daŭro de tutaj horoj mi ellernadis sur la Weender-strato la piedojn de l'preterirantaj sinjorinoj, kaj en la fundamente-sciencа traktato, kiu enhavos la rezultatojn de tiu ĉi ellernado, mi parolas 1) pri la piedoj entute, 2) pri la piedoj ĉe antikvaj popoloj, 3) pri la piedoj de elefantoj, 4) pri la piedoj de göttingenaninoj, 5) mi metas kune ĉion, kio jam estis dirita pri tiuj ĉi piedoj en la taverno de Ullrich, 6) mi konsideras tiujn ĉi piedojn en iliaj raportoj kaj ĉe tiu ĉi okazo mi vastiĝas ankaŭ pri tibioj, genuoj k. t. p., kaj, fine, 7) se mi nur povos trovi tiel grandan paperon, mi aldonos ankoraŭ al tio kelkajn gravurojn kun *fac-simile* de l'göttingenaj sinjorinaj piedoj.

Estis ankoraŭ tre frue, kiam mi forlasis Göttingen, kaj la instruita Eichhorn certe kuŝis ankoraŭ en al lito kaj sonĝis, kiel ordinare, ke li promenas en bela ĝardeno, sur kies bedoj kreskas surskribitaj per citatoj, purеblankaj paperetoj, kiuj agrable brilas en suna lumo, kaj el kiuj li tie kaj tie deŝiras kelkajn kaj zorgeme plantas ilin en novan bedon, dume la najtingaloj per iliaj plej dolĉaj tonoj ĝojigas lian maljunan koron.

Antaŭ la Weender-pordego mi renkontis du lokajn lernejknabojn, el kiuj unu diris al la alia : « Kun Teodoro mi tute ne deziras pli havi kunaferojn, li estas fripono, ĉar hieraŭ li ne sciis la genitivon de *mensa*. » Kiel ajn sensignife sonus tiuj ĉi vortoj, mi devas tamen ripeti ilin, jes, mi povus lasi skribi ilin kiel devizon de l'urbo sur la pordego, ĉar la junuloj pepas, kiel la maljunuloj fajfas, kaj tiuj vortoj perfekte montras la malvastan, sekan fierecon de instruiteco de la altеinstruita *Georgia Augusta*.

Sur la vojo blovis freŝa matenaero, kaj la birdoj kantis tre ĝoje, kaj ankaŭ en mia animo fariĝis iam post iam freŝe kaj ĝoje. Tiu ĉi freŝiĝo estis bezona. Mi ne eliradis dum la lasta tempo el la Pandektstalo, la romaj kazuistoj ĉirkaŭvolvis mian saĝon kvazaŭ per griza araneajo, mia koro estis kvazaŭ enpremita inter la feraj paragrafoj de egoistaj sistemoj de jurisprudenco, en miaj oreloj ankoraŭ sonis konstante « Tribonian, Justinian, Hermogenian kaj Malsaĝoan », kaj unu delikata amparo, kiu sidis sub arbo, ŝajnis al mi ekzemplero de *Corpus Juris* kun la manoj kune plektitaj. La vojo komencis jam pleniĝi per homoj. Knabinojlaktistinoj iris pretere, ankaŭ azenpelistoj kun iliaj grizaj edukatoj. Post Weend mi renkontis Schäfer'on kaj Doris'on. Tio ĉi ne estas idilia paro, prikantita de Gessner sed nur oficialaj pedeloj de l'universitato, kiuj devis bone zorgi, ke neniaj studentoj duelu en Bovden, kiuj ke neniaj novaj ideoj, kiuj ĝis nun ankoraŭ devas dum kelkaj dekjaroj havi kvarantenon antaŭ Göttingen, estu kontrabande emportitaj de la spekulanta privatdocento. Schäfer salutis min tre kolege, ĉar li ankaŭ estas verkisto, kaj ofte nomadis min en siaj duonjaraj verkoj; li ankaŭ krom tio ofte citadis min kaj, kiam li ne trovadis min hejme, li ĉiam havis la bonecon skribi la citaton per kreto sur mia ĉambropordo.

(Daŭrigo sekvos).

---

[1] *Hofrath* = kortegkonsilisto, *Justizrath* = leĝkonsilisto, *Relegation* estas eksigo de studento el universitato — la plej severa universitata puno. — *La trad.*

[2] *Faxen* = malgravaj rediroj, ŝercoj, bagateloj. — *La trad.*

[3] Estroj. — *La trad.*

---

# — EL REGNO DE EŬTERPO —

**Redaktas: Hillar Sakaria, diplom. muzikartisto, Tallin**

La 15-a muzikfesto de la Internacia Societo por Nuntempa Muziko en Parizo (de la 20. ĝis 27. de junio) havos tre riĉan programon el novaj verkoj de komponistoj diversnaciaj, kiujn renulgas arda sopiro al freŝeco de inspiroj, libereco de katenoj de mortiga konveneco, de klasikaj ŝablonoj, de rutino faranta « el artotemplo fabrikon » (F. Busoni). La animo de la entrepreno estas profesoro Dent, en Londono, senlaca porbatalanto de la diversaj novaj « ismoj », ordinare unuigataj sub la vasta ŝildo « modernismo ». Ĉefe al lia persono la entreprenoj de la I. S. p. N. M. dankas sian kontinuecon kaj mirindan junfreŝecon. Apud majstro-pliaĝuloj (iamaj « revoluciuloj », ĉiamaj junkoruloj Honegger, Florent Schmitt, D. Milhaud kaj aliaj) ni trovas junulojn nekonatajn, sed ja verŝajne multpromesajn. En tiuĉi jaro ankaŭ Japanujo estos reprezentata, de M. Foyama, per komponaĵo « Voix de Yamato » por soprano, fluto, klarneto, fagotto kaj v'ĉelo. Alia malproksimulo estos J. C. Paz (el Argentino) kun « Pasakaljo », krome siajn verkojn aŭdigos trideko da aliaj komponistoj.

***

D-ro Lajos Nagy, direktoro de la muzeo de Aquincum, prelegante en la arkeologia instituto de la Budapeŝta universitato montris romanan orgenon el la jaro 228. p. kr., elfositan sub la ruinoj de Aquincum kaj lerte riparitan, parte rekonstruitan. Kiu trovajn (unika) meritas plej grandan atenton de orgenistoj.

***

La turka registaro malpermesis la prezentadon de la fama melodia prijapanuja opereto « Gejŝo » de anglo Sidney Jones, ĉar ĝi estas — oni argumentas — kreajo de nenormala eŭropana rilatado al la azianoj sub la perspektivo de bazara kuriozajmontrejo.

***

La pola kemiisto Ivan Erenew estas eltrovinta procedon, per kiu ĉokolado estas taŭgigebla por la fabrikado de gramofondiskoj. La nutro-kaj gustvaloro de la ĉokolado restas neŝanĝita. La eltrovaĵo prezentas tute praktikan intereson por sukerajistoj, kiuj povas nun ekfabriki ĉokoladodiskojn ekzemple kun serenadomuziko por naskiĝtagoj kaj aliaj festoj. Bonan apetiton ! Tamen oni ne forgesu, ke gustoj estas diversspecaj.

***

Granda kant-kaj instrument muzikfesto tut-finlanda okazos la 3. kaj 4. de Julio en Viipuri. Certe la tieaj samideanoj gastame renkontos vizitontajn eksterlandajn verdstelanojn.

***

Prof. Boleslaw Wojtowicz ricevis la ĉi-tiujaran ŝtatan muzikpremion (5000 zlotojn) de Pollando pro siaj meritoj kiel komponisto, muzikpedagogo.

***

Estas anoncata la komponado de muziko por novaj filmoj Hollywood'aj : « La generalo mortos morgaŭ matene » (de amerik-germano Werner Janssen), « Animoj sur maro » (de Arnold Schönberg, nun loĝanta en Kalifornio), « La jaroj estas longaj » (de George Antheil, la virtuoza komponisto de maŝineca muziko), « Jeanne d'Arc » (ĉefrolo de Claudette Colbert, muziko de Arthur Honegger). Verŝajne ankaŭ Strawinsky, nuntempe en Usono, liveros muzikon por iu sonfilmo.

***

La Ligo de Hungaraj Kanthoroj festos sian 70-jaran jubileon, aranĝonte la 3. ĝis 8. de aŭg. en Budapeŝto internacian feston-koncertaron de kanthoroj. Okazos ankaŭ diversaj ekskursoj kaj kunvenoj.

***

« La Germana Muzikinstituto » okazigas siajn kursojn por eksterlandanoj ĉi-tiujare de junio ĝis aŭgusto en Potsdam, Wiesbaden, Berlino kaj Leipzig. Instruas la dirigento: Krauss (orkestro) kaj Kittel (ĥoro), pianistoj Fischer, Gieseking, Kempff, Leimer, Ney, orgenisto Ramin violonisto Kunlenkampff, violon ĉelisto Grümmer, kantisto Martienssen, operkantistino Bahr-Mildenburg. — Estas tre bedaŭrinde, ke la malŝata rilatado de oficialaj rondoj al nia lingvo preskaŭ malebligas al muzikisto esperantistoj partopreni tiujn tre interesajn kursojn, gvidotajn de pluraj mondfamuloj. Arto, por flori, bezonas internaciecan amikecan atmosferon.

***

La leginda moderna muzikrevuo « The Chesterian » (Londono, J. et W. Chester, Ltd.) regule aperigadas « portretartikolojn » pri la plej eminentaj nuntempaj orkestrogvidantoj. La listo de la 16 « portretoj », ĝis nun aperintaj : estas vera katalogo de majstroj de la taktilo. Radiaŭskultantoj pli atentu koncertojn, kies programojn ornamas iliaj nomoj : Henry J. Wood, Arturo Toscanini, Hamilton Harty, Leopold Stokowski, Felix Weingartner, Adrian Boult, Willem Mengelberg, Thomas Beecham, Wilhelm Furtwaengler, Eugene Goosens, Ernest Ansermet, Hermann Scherchen, Enrique Fernandez Arbós, Václav Talich, Nikolai Sokoloff, Dimitri Mitropoulos. — La menciitaj artikoloj estas verkitaj de pluraj eminentaj kritikistoj. La serio daŭrigos : ja ne estas ankoraŭ laŭmerite karakterizita almenaŭ dudeko da aliaj internacie konataj orkestrestroj.

***

Paul Bekker mortis en Novjorko. Li naskiĝis en Berlino (en 1887). Estinte violonisto, orkestrestro, operintendanto (en Kassel kaj Wiesbaden), li dediĉis sin al la muzik kritiko (specialaj fakoj : la verkoj de Wagner, Beethoven, Malher), kies eble plej brila reprezentanto en Germanujo li fariĝis. Estante reformemaj muzikoskoloj li devis elmigri el sia patrujo, kiam tie ankaŭ la muziko iĝis ŝtate kontrolata.

***

Erich Wolfgang Korngold estas komponinta muzikon por la filmo « Princido kaj almozulo » (laŭ Mark Twain), unuafoje prezentita dum la kronadfestoj en Londono.

***

La Societo de Muzikedukado en Praha (adreso : Praha IV, Toskansky Palac) aranĝos la 29. kaj 30. 6. en Parizo konferencon pri koncertoj por gejunuloj kaj aliaj pedag. temoj.

---

## La Morto de Puŝkin

Por la rusa lingvo la unua nacia poeto kaj verkisto Aleksandro Puŝkin estis pli ol Dante por la itala literaturo, pli ol Victor Hugo por la franca. Puŝkin potence kontribuis al la kreo de la lingvo, bazita sur la moskva dialekto. Ne multaj scias, ke lia prapatro estis etiopa (abesina) sklavo, kiu ricevis liberecon en Ruslando, kaj kies nepoj okupis altajn postenojn ĉe la kortejo cara. Al la duonazia Moskovio la afrika posteulo Puŝkin alportis la fajreron de la sankta flamo, kiu unuigis la tri kontinentojn en la spirita regno de la ideoj. Byron, kun sia romantismo, influis al la juna Puŝkin, kiel influis lin aliaj poetoj de tiu epoko, sed la fiera sendependa animo de la rusa poeto kunfandis ĉiujn influojn en unu originala fokuso, el kiu poste ŝprucis la nov-rusa poezio. Ni ricevis de unu rusa knabino, nia samideanino, kiu preferas resti ne nomita, la malgrandan poemeton, dediĉitan al la kara por ŝi memoro de Puŝkin, kies centjara mort-datreveno jus estis solenita en la Soveta Unio.

### Lasta Akordo

*Adiaŭe li ekludis sur la liro el la*
*[or' :*
*La elkoraj sonoj flugis en akorda*
*[kuna hor,...*
*Falis suno trans la monton,*
*[ekbruetis freŝa vent',*
*Ekbedaŭris forironton nia kordo-*
*[ora sent,...*
*El la vid' malaperante, en la*
*[ombro de l' vesper,*
*Ploris, nin adiaŭante, lasta kordo*
*[de l' esper,...*

# 29-a Universala Kongreso de Esperanto

## La Jubilea Kongreso

**Varsovio (Warszawa) 7-15a de Aŭg. 1937**

*Adreso :* Chmielna 26 m. 8, Warszawa.

*Akceptejo*

LKK ricevis novan belegan loĝejon en Hotelo Polonia, Aleja Jerozolimskie, apud la centra stacidomo. Kongresa oficejo jam instaliĝis kaj funkcios de la naŭa horo ĝis la dudekunua ĉiutage. En tiu ejo estos la akceptejo de la Kongreso.

*Gazeto :*

Dum la kongresaj tagoj aperos en Varsovio ĉiutaga grandformata gazeto en Esperanto, kiu donos ĉiujn aktualajn informojn /politikajn kaj aliajn/ kaj, detalan kongresraportaron. Ĝin gvidos eminentaj samideanoj - ĵurnalistoj. LKK akceptos abonon por ĝi ankaŭ de ne-kongresanoj.

*Kabaredo*

Dum la Interkonatiĝa Vespero okazos Esperanta Kabaredo kun artista programo. La aranĝojn prizorgas s-noj J. Forge, I. Lejzerowicz, J. Ŝapiro kaj aliaj. Ĝi estos unika tiaspeca aranĝo dum la Universala Esperanta Kongreso. Detaloj pri aliaj aranĝoj en la sekvontaj komunikoj.

*Libro Ora*

Ĉiu kongresano ricevos *senpage* la « Oran Libron de Esperanto ». Ĝi estos belega eldono, grandformata /240 paĝa/. La eldonon prizorgas la eldonejo « Literatura Mondo » en Budapest. Aldone ĉiu kongresano ricevos kutiman kongreslibron.

*Loĝejoj malkaraj*

LKK certigis al kongresanoj, kiuj sufiĉe frue aliĝos malkarajn kaj bonajn loĝejojn. Kiu do volas malkare aranĝi sian kongresrestadon en Varsovio, aliĝu tuj.

*Pilgrimo al Bialystok*

Merkrede, la 11-an de Aŭgusto, okazos pilgrimado de la Kongreso al Bialystok, naskurbo de D-ro L. Zamenhof. Urbo Bialystok solene akceptos nian Jubilean. Speciala komitato en Bialystok energie preparas lokan programon. Detalojn ni aperigos en proksima komuniko.

*Policanoj*

Policaj kursoj de Morariu en Varsovio havas grandegan sukceson. En ĉiu leciono de tiuj samtempe gvidataj kursoj la nombro de kursanoj kreskas. Novaj samideanoj policistoj faros dum la kongreso utilan servon. Inter la kursanoj troviĝas ankaŭ varsoviaj policistinoj.

*Tramistoj*

Direkcio de Varsoviaj Tramoj kaj Aŭtobusoj eldonis cirkuleron pri speciala kurso de Esperanto kiujn aranĝas la Direkcio mem. Ĉiuj tramistoj kiuj finos la kurson ricevos por la kongresa semajno rubandon kun verda stelo. La kurson gvidas nia talenta Tiberio Morariu.

*Urbo-plano*

Ĉiu kongresano ricevos en kongresdokumentoj urboplanon de Varsovio kun signitaj ĉiuj tram- kaj aŭtobuslinioj.

**Kotizoj** (en angla mono)

| Kategorio de Kongresanoj: | Ordinara Tarifo : | Rabatita 31. VI. 37 |
|---|---|---|
| Kongresano : | 1 £. 15. — | 1 £. 11. 6 |
| Familianoj : | 1 £. 2. — | 1. — — |
| Gejunuloj ĝis 18 jar. | — 14. — | — 12. 6 |
| Helpkongresano | — 14. — | — 14. — |

Kurzo de l'angla mono : 1 L. Sterl. : 21,40 F. sv./ 110 Fr. Fr./ 26 zlot./ 140 Kĉ./ proksimume.

# Oficiala Informilo de UEA : N-ro 8

**1937 Junio 29-a Jaro**

*Hngara ĉefdelegito.*

La Prov. komitato de UEA nomis ĉefdelegiton por Hungarlando : S-ron D-ron Takács József en Magymaros, ĝis laŭstatuta elekto.

*Poŝta enkasigo.*

La personoj, kiuj ĝis nun ne renovigis la membrecon al UEA aŭ la abonon al ESPERANTO estas informataj, ke la C. O. procedos al perpoŝta enkasigo, ĉu rekte ĉu per la ĉefdelegitoj, komence la Junio 1937.

*Respondkuponoj de UEA.*

Ni memorigas, ke la ankoraŭ cirkulantaj respondkuponoj kun dato surpresita 31 Decembro 1935 estas reakceptataj de la C.O. de UEA ĝis 30 Junion 1937. (Vidu informon en la Of. Informilo, n-ro 3, Jan. 1937).

*Ekspozicia Servo de UEA.*

Liveras kontraŭ nura repago de la propraj kostoj fundamentan materialon por Esperanto - Ekspozicio. Pezo : 5 kgr. Kosto 20 Frk. sv. (En Svislando 15 Frk.).

## Vizito al Vieno

**F-ino Hilda Schreiber el Baĉka Palanka, Jugoslavio deziras korespondi kun gesamideanoj el Vieno. Pro baldaŭa vizito al Vieno, mi serĉas geamikojn kiuj havus tempon kaj bonan volon, konatigi min kun Vieno kaj la tiea Esperanto vivo, dum mia restado.**

## Turisma Servo

**Kuressaare**

sanigŝlima kaj mara kuracloko en Estonio, titoliĝas kolora broŝureto, 23 × 11 cm 8 paĝa. Personoj kiuj serĉas tiun ĉi lokon en malnovaj atlasoj trovas ĝin sub la germana nomo Arensburg, sur insulo Saaremaa, alie nomita Ösel. Samideanoj kiuj post la kongreso en Varsovio deziras pasigi agrablan libertempon kun marbanado profitu la okazon. La lando Estonio prezentas multajn ĉarmojn, kiujn okcidentano ne supozas. Kaj kio gravas : La vivo estas ekstreme malmultekosta. Oni povas peti la broŝureton de la urbestraro skribante : Linnavalitsus, Kuressaare, Estonio.

**Italio**

La Hotel-kuponoj kaj Benzin-kuponoj por la fremduloj en Italujo instrukcio pri aĉetado kaj uzado, specialaj favoraĵoj konsentitaj ĉe la fervojoj, 1937-XV. — Tiu ĉi kajero aperinta en serio la lingvoj aperis nun ankaŭ en Esperanto. Interesitoj povas peti ĝin de la Ente Nazionale per le Industrie Turistiche, Via V.V. 62, Roma aŭ ĉe la Turisma Servo de UEA.

**Selce**

Hotel-pensiono Esperanto en Selce, ĉe Jugoslava Marbordo. Renkontejo de esp. libertempuloj ĉiulandaj. Prospekto en Esperanto. Petu rekte laŭ supra adreso.

# Venu vidi Varsovion! Varsovio vokas vin.

## La Ĉeno de l' generacioj

Zamenhof kreis Esperanton en 1877-87, junaĝa, portanta en si la ideojn de lasta kvarono de la 19-a jarcento. Li mem naskiĝis en 1859. Lia patro (Marko) naskiĝis en 1837, do en la epoko de la juna reĝino brita Victoria. ankoraŭ ne kronita ; ŝi naskigis en 1819.

Sed, inter la amikoj kaj adeptoj de la juna Zamenhof estis viroj pli aĝaj ol lia patro. En 1894, la rusa moralisto kaj romanisto Leo Tolstoj publike aprobis nian lingvon, kiu povus « *proksimigi la Dian Regnon...* ». Tolstoj tiumomente estis jam 66-jara, ĉar li naskiĝis en 1828. Jen interesa kontakto : homo kiu partoprenis en la Krimea milito (1854-55) spirite ektuŝis al la Zamenhofa generacio, kiu povis partopreni nur la Rus-Japanan militon (1904). Tolstoj vivis en la tempo de la servuto, kiu prezentis la staton de Francujo antaŭ 1789. Tolstoj vidis kiel estis vendataj kaj aĉetataj homoj, kvazaŭ ĉevaloj kaj bovinoj en foiro. Pli aĝa estis Adelsköld, sveda pioniro, kiu komponis unuan muzikon por nia himno « Espero », en 1891. Li naskiĝis en 1824. Ankoraŭ pli aĝa estis Ernest Naville, ĝeneva pensulo, kiu konatiĝis kun Esperanto. kaj verkis pri ĝi depost 1894 ; li naskiĝis en 1816 — la dua jaro de Napoleona vivo sur la insulo S-ta Heleno, la apogeo de la Sankta Alianco, gvidata de la rusa caro Aleksandro I. En Germanujo tiutempe agitas la societoj de « Burschenschaft » kaj de « Tugendbund » ... Bismarck estas lulata ankoraŭ kiel unujara infaneto, nekonata por la mondo... Kotzebue estas mortigita de Sand, ... k. t. p. Estas modaj la ĉapeloj « bolivaroj », je honoro de la diktatoro de la Venezuela Respubliko. Oni skribas ankoraŭ per veraj plumoj (anseraj, cignaj por eminentuloj). Lastaj jaroj de la regado de Georgo III... Edziĝo de la belga Leopoldo I, patro de estonta Leopoldo II, kies longa barbo famiĝis poste per la poŝtmarkoj, kaj per Cleo de Mérode. Jen por la ekstrema kontakto kun la pasinto ! Por la estonto ni ne diros multon. Kelkaj junuloj vidis Zamenhof-on dum la milito, ĵus antaŭ lia fino ; se iu el ili fervoriĝis, kaj se li longe vivos, li portos la « torĉon » ĝis la Centjara jubileo de Esperanto... en 1987 ! Jules Verne, Robida et H. Wells, unuigitaj kun Ossendowski kaj Einstein povus eble antaŭdiveni la aspekton de tiu venonta mondo... Ne ĉiuj niaj infanoj ĝisvivos tiun jarcentan jubileon ! Intertempe eble okazos, laŭ la paroloj de Zamenhof, tiu « *aŭtoritata kongreso, kiu... faros en Esperanto ĉiujn utilajn plibonigojn, eĉ se por tio oni devus ŝanĝi la lingvon ĝis plena nerekonebleco* ». (« Esenco kaj estonteco... », legita en 1900).

Kaj nun, leganto, vi tuj povus ekbedaŭri la malaperon de nunforma Esperanto...? Ne, trankviliĝu... ĝi restas, kiel sankta lingvo, ĉiam uzota por solena stilo, ĉiam studata kiel patro de la nova mondlingvo ; ja romanaj nacioj studas latinon, slavoj slavonon, germanoj gotan lingvon. Per tiu duobliĝo la lingvo tutmonda akirus definitivan kompletecon, necesan por la vera tuthoma lingvo, kaj... la bela sonĝo de l'homaro por eterna ben' efektiviĝus. (Volk).

## Esperanto en Aŭstrio

Wien : Kreiĝis *Reprezentanta Komitato* de la aŭstria Esperanto-movado. Ĝin partoprenas la reprezentantoj de la ambaŭ aŭstriaj land-organizoj : Aŭstria Esperanto -Asocio kaj Aŭstria Esperantista Federacio la prez. de la R. K. estas s-anoj reg. kons. Fritz *Stengl* de A. E. kaj prof. Dro Hugo *Jokl* de la A. E. F. Protokolantoj estas s-ano Paul *Glüxmann*, la afergv. vicpr. de A.E.F. kaj s-ano Ernst *Werner* A.E.A., kaj kiel konsilanoj la UEA -ĉefdelegito s-ano Rajm. *Cech*, la redaktoro de la « Verda Revuo » s-ano Fr. *Scheibenreiter*.

*Aŭstria Esp. -Asocio* okazigis la 1-an kaj 2-an de Majo en Krems, sian ĉi-jaran ĝen.-kunv. kaj la 10-an A.E.-kongr. La hon. prez. de la Kongr. estis s-ano prof. P. Meŝtan. La nova prez. estas s-ano reg. kons. Fr. *Stengl*, vic. prez. s-anoj Prof. Dr *Christanell*-Salzburg kaj kalk. kons. Rud. M. Frey-Wien.

*Aŭstr. Esp-ista Federacio* sukcesis en ne pli ol jara funkciado kunigi 14 E-gr. en la aŭstr. liglandoj kaj pli ol 20 E-gr. en Wien. Kune kun la « *Aŭstria Societo de Esp.-Instruistoj* » estis aranĝitaj 13 « Urania » por junulaj E-kursoj.

*E. S. Danubio-Wien* aranĝis plurajn kursojn por komencantoj kaj por progresintoj. La A. E. F. eldonas monatan « BULTENON DE A.E.F. » ĝin redaktas s-ano *Berdan*.

*Esp. Soc. « Danubio »*. Societo fondita en 1911 festis fine de Nov. p. j. sian 25-jar an fondiĝon, en ĉeesto de la reprezentantoj de la ambaŭ aŭstr. E-land-organizoj kaj de multaj s-anoj gastoj de la diversaj vienaj E.-grupoj. A! la jubilantaj societ - kunfondintoj s-anoj dir. Rud. *Kaftan* kaj komerc. Oskar *Popper* estis transdonitaj memor-donacoj. Lattempe vizitis la societon s-ano Piet. C. *Hillen* el Texel-Ndl. kaj s-ino Sofio *Cipera* el Pilsen-Ĉ.S.R. La regulaj, lunde okazantaj s-kunvenoj estas ĉiam bone vizitataj. La soc. eldonas ankaŭ monatajn societ-raportojn.

*Esp. Soc. « Fideleco »*, la plej malnova viena E-societo laboras nun sur literatura kaj lingva kampoj. Prez. estas s-ano Carl *Gasparini*, sekr. s-ano kort. kons. Dr. K. Klečka.

*Viena Esp.-Unio* komencis denove sian agadon. En la ĝen kunv. okazinta la 3-an de Majo estis elektitaj : prez. s-anoj stud. jur. Max R. *Frey* kaj dro. H. *Ullich*, sekr. : s-ano Anton *Denks*.

*Esp.-Kurso* aperas en la semajna gazeto « *Gerechtigkeit* » (Justeco), la organo de la « Harand movado », kiu kontraŭ-batalas la rasan malamon kaj la homan mizeron. La E-kurson gvidas s-ano Dr. Emil Pfeffer, la aŭtoro de la multaj E-libroj en la viena « Tagblatt-Bibliothek ».

## Esperanto en Germanlando

Sub tiu ĉi rubriko ni informis en numero 441-442 pri la malpermeso de la Komercista Esperanto Unio, Dresden. Nia informo bazis sur oficiala komuniko de la aŭtoritato plenuminta ĉi tiun agon..... Jen ni ricevis informon el Dresden kiun ni simple represas :

Ĉeha samideano skribis al ni, ke en via gazeto estas informo ke KEU estas police malpermesata. Ni petas vin ke vi estonte ĉiam antaŭe demandu ĉe ni por ke ne okazu malĝusta opinio. Jen...

Kaŭze de eraro la KEU estas anoncita malpermesata sed tiu KEU kiun oni malpermesis, depost *Aŭgusto 1936 ne plu ekzistis* ĉar ĝi siatempe *kun GEA likvidis*. Postkiam nia gvidanto ricevis la permeson daŭrigi la laboron, oni fondis *novan KEU kun la aldono* « Unio por progresigo de ekonomiaj rilatoj ». La polico petis en januaro forlasi la vorton *Esperanto* el la titolo por ke neniu pensu ke ni estas kaŝita Esp. organizaĵo. Ni faris tion, fondinte novan Union « *Komerca Unio* ».

La polica dekreto do trafis societon jam likvidiĝintan (la plej unuan). La dua estas ankoraŭ en la *leĝa ordonita likvidado* kaj sekve ne povas esti opiniata kaj trafata. Vivas Komerca Unio. Saluton.

Radebeul, 25.5.37.

Komerca Unio. RANFT.

## Peto ! !

Por ke juna fraŭlino povu esti sendata Svisujon por resaniĝi je blindiĝo, ni petas al la tutmonda samideanaro donace sendi ĉiajn, uzitajn poŝtmarkojn.

Ni bezonas unu milionon ; jam havas 300.000.

Ne prokrastu ! ! Urĝas : Ĉiuj kvantoj estas bonvenaj.

Por la helpkomitato volonte akceptas poŝtmarkojn.

s-ro P. J. W. SCHILPEROOD, ĉe Berkelselaan 43 b - Rotterdam-N.

## Korespondado

*Amsterdam* (Nederlando).

S-ro N. Zilver z. Jansestraat 53, PM. PI.

*Mukaĉevo* 3 (Ĉeĥoslovakujo).

S-ro A. Veverka, Internat. ul. 42 ; daŭre interŝanĝas kĉl. PM, PI kun bildoj de signifaj kulturverkoj kaj monumentoj naciajn kantojn.

## Adresŝanĝo

S-ano Leono Funken, en Koblenz, Germanujo, nun : Mainzerstrasse 45-a.

## Edziĝ-anonco

Mi estas 52-jaraĝa, kristano, sana, malriĉa, bonkora kaj mi serĉas bonkoran inon, tajlorinon, kuiristinon aŭ similan laboristinon (servistinon) modestan kaj sanan, posedantan iom da mono ; kiu deziras vivi kie neĝas neniam kaj estas milda klimato. Mi serĉas ŝin por komuna vivo kaj ŝi povas esti de kiu ajn nacio. Seriozaj samideaninoj kiuj deziras sin dediĉi tute al Esperanto, skribu detale (indiku aĝon, posedatan sumon, parolatan lingvon, k.t.p.) propramane. Foto dezirata. Adreso :

Stjepan Miŝak, Adana (Turkujo),

Ricevinto estas petata tiun ĉi anoncon pendigi aŭ surglui en la klubejo.

## Rejn-vojaĝo

Konsilas pri vojaĝo en Rejnlando Leono Funken, Mainserstr. 45-a Koblenz am Rhein, German.

## Spritaĵoj

laŭtempajn flustro-spritaĵojn (Flüsterwitze) el jaroj 1936-37 kolektas por farota studo. Rekompenco laŭdezire per poŝtmarkoj, per libro aŭ laŭ deziro. Georg Agricola, Esperanto, 1 Tour de l'Ile, Genève.

## Per biciklo al kongreso

Du nederlandaninoj biciklos al Parizo, Basel, Innsbruck, München, Wien, Warszawa. Dumvoje ili volonte vizitos Esperantistojn kaj esp. klubojn. Bonvolu skribi al : Tiny kaj Lucie Weyer, De Steeg, Nederl.

**Fondinto : H. Hodler, † 1920**

**Redakcio : Tour de l'Ile, Genève,**
**Red. : Provizora Komitato de U E A**
**Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)**

Dato : 10 Junio 1937